# KATOLIKA MONDO

9a Kolekto
No. 9

Monata Aldono:
La Juna Batalanto

Fondita
1921

Esperanto-Organo de
Internacio Katolika




Ĉefredaktoro
Pastro D-ro Joseph Dieninghoff,
religia profesoro en Apostola Gimnazio, en Köln
KUNREDAKTOROJ: Prof. Carolfi, OFM, Italujo; Kaspar Mayr, Anglujo; Prelato A. Dombrowski, Litovujo; Pastro Makara, Polujo; Prof. P. Muffang, Francujo; W. Solzbacher, Germanujo; Pastro Johano Kozma, Hungarujo.

Adreso por ĉiaj sendajoj: K. M., Köln-Lindenthal

Aperas duonmonate
1a Julio 1928

ABONO: egalvaloro de 1,80 sv. fr. kvaronjare. Oni mendu ĉe la ĉefadministracio aŭ ĉe la poŝtoficejo.
REKLAMO: Po unucentimetra kolonero egalvaloro de 2,— sv. fr. — Anoncetoj po enpreso (ĝis 15 vortoj) 0,75 sv. fr. (antaŭpage).

POŜTĈEKAJ KONTOJ: Beograd 68009. - Bruxelles 185734 - Budapest 59169 - 'sGravenhage 125537. - Köln 76105 - Paris 80061. - Praha 77396 - Roma 1/2600. - Warszawa 190972. - Wien 162473.

# La katolika universitato de Peking

## Ĝia fondo kaj ĝia signifo

Kvin grandajn nekatolikajn universitatojn la katolikoj de Norda Hinujo vidis estiĝantaj en Peking kaj la ĉirkaŭaĵo de tio urbo. Neniu el ili reprezentis investon de malpli ol 1 miliono da dolaroj, kaj en ĉiu el ili la protestanta influo estis la ĉefa, se ne la oficiale kontrolanta faktoro. Jen estis ekzemple la Peking-Universitato, institucio de la metodistoj. Jen estis la Pekinga Registara Universitato (Kuo Li Pei Ching Ta Hsüeh Hsiao), en kies profesora kolegio troviĝas pli ol dekduo da protestantaj pastroj. Jen estis ankaŭ la Amerikana-Reparacia Prepara Lernejo konata kiel la Tsing-Hua-Kolegio, konstruita de la Unuiĝitaj Ŝtatoj en la ĥinaj militriparopagoj al Usono, kiu kostis 1 200 000 dolarojn. Laŭ justeco la amerikanaj katolikoj devus esti reprezentataj en ĝi, sed fakte ili kavas eĉ ne unu solan profesoron, kaj eĉ ne unu katoliko estas inter ĝiaj sescent studentoj. Jen estis la belega Pei-Yang-Universitato de Tiensin (marhaveno de Peking), moderna institucio, kiu estas plene sub nekatolikaj influoj. Kaj fine estiĝis la 1 julio 1915 per klopodoj de la Rockefeller-Insituto la Medicina Kolegio de Peking, en kies administrantaro ses protestantaj misiaj societoj estas reprezentataj, sed plene mankas la katolika influo.

Kompare al tiuj gigantaj edukaj klopodoj, kiujn iniciatis la amerikanaj protestantoj, por kapti la spiriton de Hinujo (t. e. la kulturan kaj gvidantan klason de la nacio) la fortoj de la katolikaj misioj estis tute nesufiĉaj. Krom kelkaj akademioj por knabinoj la katolikoj havis nur unu malgrandan duagradan lernejon por knaboj sub gvido de la Maristaj Fratoj en Chala (urboparto de Peking). Malfeliĉe la instruado en tiuj lernejoj estis donata ĉefe en franca lingvo tute senutila al ĥinoj. La angla lingvo estas la komerca lingvo de Hinujo kaj la sola fremda lingvo, kiun la ĥinoj ŝatas lerni.

Do ĉirkaŭ la jaro 1916 la situacio de la katolikismo en Norda Hinujo estis preskaŭ malesperiga. Senigite per la Eŭropa Milito de granda parto de siaj ĝisnunaj financaj subtenoj, la katolikaj misioj vidis sian ekziston minacata. Antaŭe la katolikoj pli multe ŝatis konstrui hospitalojn ol konstrui lernejojn. Mankis al ili la iloj por kontraŭstari amasan atakon de la protestantoj en la kampo de la eduko.



Vere malluma estis la situacio. Katolika influo forestis en la ĉefurbo de la nacio, kaj ŝajnis ekzisti neniu helpanto kaj neniu komprenanto. Sed Kristo, kiu neniam foriras de sia Eklezio, vokis viron de sufiĉa larĝvido, por ekkoni la signifon de tiu krizo, kaj de sufiĉa kuraĝo, por atentigi pri la nepra neceseco de energia agado.

Tiu viro estis Vincent Ying (Ying Lien Chih) nun direktoro de la Registara Industria Lernejo en Ching-I-Yüan, Hsiang Shan (proksime al Peking) kaj antaŭe redaktoro de la ĥina jurnalo „La Senpartiulo". Sinjoro Ying, fervora katolika laiko, estas la plej granda de la vivantaj indiĝenaj literaturistoj en moderna Hinujo. Pro liaj eksterordinaraj literaturaj kapablecoj eĉ la japana registaro honoris lin. Li estas pura produkto de la antikva ĥina kulturo en plej bona senco, kaj okcidentaj verkistoj prave povus envii la profundan penson kaj ĉarman stilon, kiuj karakterizas la produktojn de lia plumo.

Tia estis la homo, kiun la Dia Providenco uzis, por averti la katolikojn pri la danĝero minacanta per la nekompremamo en iliaj propraj vicoj kaj per la ruza strategio de siaj kontraŭuloj. En junio 1917 li adresis al la katolika pastraro de Hinujo sian famkonatan „Admonon al Studado", kaj en novembro de la sama jaro li skribis elokventan alvokon al Lia Papa Moŝto Benedikto XV-a, petante la Patron de la Kristanaro, ke li savu la katolikan aferon en Hinujo, starigante universitaton en la ĉefurbo de la Hina Respubliko

„Sub la Ming-dinastio," li skribas en sia letero al la Sankta Patro, „la scienco montriĝis bonega ilo por altiri la ĥinojn al la vero de la Evangelio. Post la mirakloj de Sankta Franciskus Xaverius venis la instruado de la jesuitaj patroj Ricci, Schall, Verbiest kaj Aleni, kies scienco akcelis la saman bonan aferon; ĉar la scienco, ne estante kontraŭe al la revelacio, subtenas ĉi tiun — ankaŭ ĝi venas de Dio kaj revenigas nin al li.

Sed kion ni vidas hodiaŭ? Dum kiam la protestantoj de Anglujo, Germanujo kaj Ameriko konstruas lernejojn kaj universitatojn, ni vidas je nia bedaŭro, ke la katolikaj misioj solaj forrestas de tiu movado. En ĉi tiu ĉefurbo de Hinujo la katolikoj havas neniun universitaton, neniujn duagradajn lernejojn . . . La nova Hinujo ne vidas iujn katolikojn kapablajn sidi en parlamento aŭ en provincaj kaj distriktaj estraroj.

Ni aŭdis, ke la Sankta Seĝo propanas fondi katolikan universitaton en Tokio. Multaj opinias, ke tiu paŝo estas farita tro malfrue. Sed en Hinujo ankoraŭ estas tempo. Katolika universitato tie vidus grandajn nombrojn da studentoj, kristanaj kaj idolanaj, enirantaj siajn pordojn; ĝi kreus fortan ligilon de unuiĝo inter katolikismo kaj nacio kaj per tio certigus al la Eklezio utilojn senfine pli grandajn ol tiuj, kiujn muraj protektokontraktoj ŝajnas garantii — unuvorte, tiu universitato plenumus en sia maniero la belan mision de Sankta Petro, ke li fariĝu fiŝkaptisto de homoj.

Ni tial kuraĝas petegi Vian Papan Moŝton, ke vi aŭskultu ĉi tiun peton kaj ne lasu nin kiel kaptajo de hereziaj doktrinoj. Sendu al ni saĝajn virojn mild- kaj humilkorajn, ke ili estu niaj gvidantoj; virojn de diversaj nacioj, por ke la katolikismo estu defendita kontraŭ la riproĉo, ke ĝi estas la religio de iu nacio.

Hodiaŭ ni vidas malordon en la administrado, malklerecon, nescion, nekompetentecon kaj malsincerecon ĉe regantaj. La reakcio de la nacio kontraŭ tio akceptis la formon de universala deziro al progreso — ĝi sopiras la benojn de eŭropa civilizo, kiel la kamparano, rigardante siajn sekiĝintajn kampojn, sopiras la bonfaran pluvon. Dume la edukitaj klasoj sentas, ke religio sola povas certigi la prosperon kaj moralon de la popolo.

Tial el la fundo de nia koro ni petegas vin, nian Patron kaj Instruanton, ke vi kompatu nin kaj sendu al ni misiistojn virtajn kaj klerajn, por fondi en ĉi tiu granda ĉefurbo universitaton malfermiten same al idolanoj kaj kristanoj, universiton, kiu estos modelo montrata al la tuta nacio, preparanta katolikan eliton kaj portanta veran klerecon al la idolanoj. Tiel la vojo estos malfermata por niaj kvarcent milionoj da samlandanoj, por ke ili fariĝu konsolo al Via Papa Moŝto, tiel ili estos kapabligataj respondi al viaj bonvolaj intencoj kaj speciale al la intencoj de la Sankta Koro de tiu, kiu vere estas la Savanto de ĉiuj, kiuj eniras lian ŝafaron."

Ĉi tiu letero faris profundan impreson en Romo. Papo Benedikto XV-a sendis Msgr. De Guibriant kiel Apostola Vizitanto al Hinujo, kaj la raporto poste farita de la lasta, esence harmoniis kun la letero de S-ro Ying, precipe rilate la nepran necesecon de katolika universitato en Norda Hinujo. Nun la okazoj venis, kiuj konektis la amerikanajn benediktanojn de ĉefabatejo Saint Vincent (en la ŝtato Pennsilvania) kun la afero.

En la jaro 1920, kiam la Apostola Vizitanto ankoraŭ estis en Hinujo, D-ro Barry O' Toole, seminaria profesoro kaj Oblato de la Ĉefabatejo Saint Vincent, estis vojaĝanta en Orienta Azio. En Peking li konatiĝis kun S-ro Vincent Ying. Liaj propraj observoj montris al li la pravecon de la opinioj de S-ro Ying pri la eduka situacio, kaj li konvinkiĝis, ke solvo devas okazi en la maniero de tiu eminenta hina laiko proponata.

D-ro O' Toole revenis al la Unuiĝitaj Ŝtatoj tra Eŭropo kaj havis okazon viziti Romon, kie li trovis, ke la Sankta Patro estis treege interesita pri la problemo de katolika eduko en Hinujo. En aŭdienco ĉe Papo Benedikto XV-a li estas demandita pri la situacio en Hinujo, kaj la rimarkoj de la Sankta Patro montris al li, ke tiu estis tre bone informita. D-ro O'Toole same havis okazon rakonti pri siaj spertoj en Hinujo al la Abbas Primas (Unua Abato) de la Ordeno de Sankta Benedikto, P. Fidelis Stotzingen.

En Ameriko li raportis al la ĉefabato de Saint Vincent, al la prezidanta abato de la amerikana benediktana kongregacio kaj al liaj eminentuloj. Nun en Romo oni komencis serioze okupiĝi pri la afero. Okazis longa korespondado inter la prefekto de la Propaganda Kogregacio. Kardinalo Van Rossum, la Unua Abato de la Ordeno de Sankta Benedikto, la amerikana benediktana kongregacio kaj la ĉefabatejo Saint Vincent. En letero de la Propaganda Prefekto al la amerikanaj benediktanoj troviĝas jenaj frazoj. „La situacio de la Eklezio en Hinujo postulas, ke neniu homa ilo. por akceli la disvastiĝon de la kredo inter la kulturitaj kaj kleraj klasoj estu malzorgata. Inter ili nenio estas pli grava ol alta lernejo, en kiu hinaj studoj altgradaj estos pritraktataj. Depost kelkaj jaroj la fondo de katolika universitato en Peking estas intencita, sed ĝis nun nenio estas farita por realigi tiun projekton.

Estas le plej intensa deziro de ĉi tiu Sankta Kongregacio, ke la Ordeno de Sankta Benedikto, kiu en la Mezepoko savis la latinan kaj grekan literaturon de certa detruo, fondu instituton de altaj hinaj studoj en la urbego Peking, kiel plej taŭga ilo por certigi pli viglan kreskadon de nia sankta religio en la vasta lando de Hinujo." (Letero de junio 1922).

En 1924 la unuaj benediktanaj patroj veturis al Hinujo, por prepari la fondon de la Katolika Universitato de Peking. Kia estas la nuna agadmaniero kaj situacio de tiu universitato, tion la legantoj de „Katolika Mondo" baldaŭ legos en alia artikolo. La filoj de Sankta Benedikto nun en Hinujo faras preskaŭ la saman pioniran laboron, kiun iam realigis iliaj antaŭuloj, la apostoloj de Centra kaj Norda Eŭropo . . . . . . .

(La artikolo estas mallongigite tradukita kaj kunmetita el broŝuro anglalingva „The Catholic University of Peking" eldonita de la ĉefabatejo de Saint Vincent en Beatty, Pennsilvania, U. S. A.)

# Pola-germana repacigo

## Kunveno en Krakow - Salutvortoj de la Kardinalo.

La jurnalo „Beuthener Lokalanzeiger" raportas:

Ĉ. 40 germansileziaj pacamikoj, la plimulto el Beuthen, sekvante inviton de la Krakova Akademiana Unuiĝo restadis antaŭhieraŭ en Krakow. Por apostoloj de la perforto estus estinte tre malagrable vidi kaj aŭdi, kiel la pola akademia junularo kaj - vualu vian kapon, ŝovinistoj je ambaŭ flankoj de la limo! - reprezentantoj de ŝtataj kaj eklezíaj aŭtoritatoj polaj bonvenigis la germanajn gastojn.....

Jam je la stacidomo troviĝis Universitata Profesoro Urbkonsilisto Gorczynski kiel reprezentanto de la urbo Krakow, S-ro Krzyzanowski nome de la Akademiana Pacifista Unuiĝo. Ĉe bankedo donita al la gastoj paroladis i. a. Universitata Rektoro D-ro Estreicher (germane kaj pole), D-ro Bochenski, prezidanto de la Akademiana Pacifista Unuiĝo, studkonsilisto Knopf-Beuthen (nia konata IKA-pioniro. Rim. de la Red.), D-ro Goebel-Oppeln nome de la Reichs- und Heimatbund Deutscher Katholiken (Germana Katolika Federalisma Asocio), kaj P. Joh. Assmann S. J. (de kiu K. M. jam dufoje publikigis artikolojn. Rim. de la Red.). D-ro Szczepanski - Beuthen, ĉefkonsulo de la Pola Respubliko, atentigis, ke la kulturo de Eŭropo ne dependas de malamikeco kaj milito inter la du fortaj nacioj Germanujo kaj Polujo, sed de la paco inter tiuj landoj. La tagmanĝon krome partoprenis i. a. la vicvojvodo de Krakow S-ro Wodzinski, pastro Prelato Johano Masny, Prelato Maslanski, P. Rostworowski S. J. kaj Universitata Profesoro Gorczynski. El la gazetaro estis reprezentitaj: la plej nobla pola gazeto katolika „Czas" kaj la granda socialista organo „Naprzod" (Antaŭen!)

Sub la kompetenta gvidado de S-ro Grzybowski, reprezentanto de la pola turista unuiĝo de Krakow, oni vizitis tiom da vidindaĵoj, kiom estis eble en la mallongaj horoj, i. a. la grandegan Wawel kun ĝia belega katedralo.

Bedaŭrinde tro rapide pasis la dimanĉo. Kiam vespere je 8 h. en la stacidomo germanaj kaj polaj pacamikoj adiaŭis, oni sciis: Tio ne estas adiaŭo por ĉiam! La multaj interligiloj inter pol - kaj germanlingvaj pacifistoj estos plifortigataj! Ne estis la lasta fojo, ke germanaj kaj polaj katolikoj kunvenis sub la ideo: La homoj estas fratoj, kvankam ili parolas diversajn lingvojn. La partoprenintoj germanaj esperas baldaŭ sur germana tero povi rekompenci la amindan polan gastemon.

Speciala danko apartenas al la pola ĉefkonsulo D-ro Szczepanski kaj al la gazetara referento de la ĉefkonsulejo S-ro Wlodarkiewicz pro iliaj klopodoj kaj afableco."

### La saluto de la kardinalo.

Nome de Lia Kardinala Moŝto Princo Adamo Stefano Sapieha, ĉefepiskopo de Krakow, prelato Joh. Masny, preposto je la akademia preĝejo de Sankta Anna kaj membro de la urbestaro, en la stacidomo faris jenan alparoladon al la Beuthen-aj gastoj:

„Lia Kardinala Moŝto havas la plej varman simpation por la katolika internacia paca movado kaj vidas en la vizito de germanaj katolikaj pacifistoj en Polujo plej ĝojigan pruvon pri la plifortiĝo de la pacvolo inter germanaj kaj polaj katolikoj.

Li per mia buŝo elparolas sian plej sinceran dankon al niaj estimataj germanaj samkredanoj pro ilia vizito en lia metropolo kaj el tuta koro bonvenigas vin en la malnova episkopa urbo.

La malmultaj horoj, kiujn vi kiel gastoj pasigos inter ni, en plej agrabla maniero pasu vin kaj plifortigu en vi la konvinkon profundan, ke ankaŭ la polaj katolikoj estas trapenetritaj de plej sincera celado al interproksimiĝo kaj interkompreniĝo de la du najbaraj nacioj en la unueco de komunaj kristanaj konvinkoj kaj idealoj.

Ankoraufoje tutkoran bonvenon!"

# „LA ESPERO" kiel Himno de Paco?

## Majstro Lorenzo Perosi, estro de la Sikstina Orkestro ĉe la Vatikano, proponas ĝin.

La germana jurnalo „8 Uhr-Abendblatt der Nationalzeitung" (8 hora-Vespera Gazeto de la Nacia Gazeto) faris enketon inter la gvidantaj komponistoj de la mondo, ke ili esprimu sian opinion pri la kreo de Paca Himno, por kiu la Ligo de Nacioj starigu konkurson.

Preskaŭ ĉiuj komponistoj respondis konsente, sed preskaŭ ĉiuj ankaŭ menciis la malfacilecon de la lingva problemo por tia supernacia himno.

Plej multe interesas nin esperantistojn la respondo de la fama abato **Majstro Lorenzo Perosi,** la direktisto de la Sikstina Orkestro ĉe la Vatikano. Jen kion li skribis al „8 Uhr-Abendblatt" laŭ „Heroldo":

„Absoluta pacifisto kiel mi devas esti por ĉiuj justaj kaj bonaj rimedoj, kiuj servas la pacon. Kaj ĉu ĝuste la muziko povus havi pli altan sencon ol tiun: eterne glorlaŭdi eternan pacon kaj ĝian belecon? Tiel, apud la aliaj necesajoj por la akcelado de la paca movado — multspecaj necesajoj, pri kiuj mi havas miajn proponajn pensojn tro ampleksajn por eldiri ilin ĉi tie—, ankaŭ la Himno de Paco sononta en ĉiuj koroj, pluen portota de ĉiuj koroj, certe estus plej ŝatinda rimedo.

Sed ĉu oni forgesis, ke ne malpligrandulo ol la granda majstro Verdi jam kreis himnon por la paco? Li komponis ĝin en la jaro 1866, post la batalo de Custoza, laŭ komisio de l' direkcio de la tiama Universala Ekspezicio de Londono. Oni kredis tiam, ke ne ekestos plu milito; tamen ni spertis 1870 kaj la kataklismon de 1914.

La muzika formo povas esti **nur tiu de himno.** Sed la **teksto** devus esti skribita nuntempe **sole en Esperanto.** Ĉar Esperanto estas, sen ke la unuopaj naciaj lingvoj, kompreneble, eĉ en plej malgranda grado perdu sian plenan vivorajton, unu el tiuj gravaj elementoj, el kiuj konstruiĝas la interkompreniĝo inter la eŭropaj popoloj. Necese!

Se vi min demandos, kiu el la jam ekzistantaj tekstoj estas la plej konvena por la muzikigo, mi respondos, en tiu konekto, senhezite: **la kanto por la forigo kaj detruo de ĉiuj armiloj**, kiun D-ro Zamenhof en la jaro 1887 verkis en Esperanto: tiu sama Zamenhof, kiu estas unu el la fondintoj de Esperanto. Ĉar **la himno je la detruo de ĉiuj armiloj estas la vera himno de la monda paco.**"

# Internaciaj Katolikaj Kongresoj.

### I-a Internacia Katolika Laborista Kongreso en Köln.

La kongreso okazonta 13-15 julio en Köln kredeble havos delegitojn el Anglujo, Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danzig, Francujo, Germanujo, Luksemburgo, Nederlando Polujo kaj Svisujo. I. a. jam anoncis sian partoprenon la belga laborministro Heyman, la belga senatano P. Rutten O. P., la nederlanda parlamentano Henri Hermans, el Svisujo Kanoniko D-ro Scheiwiler (St. Gallen), Kantona Konsilisto Bernhard Widmer (Zürich), Nacia Konsilisto D-ro Duft (St. Gallen), el Aŭstrujo la parlamentanoj Kunscsak (Wien) kaj D-ro Knoll (Innsbruk), kaj multaj aliaj eminentaj gvidantoj de la katolika laboristaro. En la granda fina demonstracio parolados la belga laborministro Heyman (Bruxelles), la nederlanda parlamentano Henri Hermans (Den Haag) kaj pastro D-ro Carl Sonnenschein (Berlin).

### Internacia Katolika Kultura Semajno en Köln.

Okaze de la Internacia Gazetara Ekspozicio „Pressa" en Köln ankaŭ okazis Internacia Katolika Kultura Semajno kun gravaj diskutoj de eminentuloj diverslandaj pri aktualaj katolikaj kulturaj problemoj: gazetaro, teatro, filmo, arta, radio ktp. Kelkaj novaj internaciaj organizajoj kaj oficejoj estas fonditaj. Ni esperas ankoraŭ raporti pli detale

### Internacia Katolika Film-Konferenco

okazis antaŭ kelkaj monatoj en Den Haag. Ankaŭ tie pli intima internacia kunlaborado de katolikaj fakuloj kaj organizaĵoj estas iniciatita.

### Internacia Katolika Karita Konferenco

estis en Basel' aranĝita de la Oficejo de la „Caritas Internationalis".

### Internacia Konferenco de Katolikaj Politikaj Partioj

estas intencita kaj eble okazos baldaŭ en Belgujo. Jam la oficejoj de diversaj politikaj organizaĵoj katolikaj (ekz. en Nederlando, Belgujo, Francujo, Germanujo, Aŭstrujo, Polujo ktp,) estas en korespondado por diskuti la eblecon de daŭra internacia kontakto aŭ eĉ kunlaborado.

### VIII-a IKA-Kongreso en Bregenz.

Plej eminentaj kompetentuloj jam estas gajnitaj por pritrakti la aktualan kaj gravegan temon: „Moderna industriismo kaj la Katolika Eklezio." La kongreso okazos (per bedaŭrinda eraro en la numero de la 15 majo la dato estas forlasita) 31 julio-4 aŭgusto.

### XIII-a IKUE-Kongreso en Tilburg.

Novaj komunikoj (Aliajn vidu en antaŭaj numeroj!): Blinduloj rivevos senpagan kongreskarton. Okazos oficiala akcepto de la kongresanoj en la urbdomo. Oni eldonis gvidlibron kaj propagando-glumarkojn. Plena pensiono potage en Eindhoven estas ĉ. 5 guldenoj (10 sv. fr.). Adr: P. Verspeek. Broekhovensche Weg 100, Tilburg.

### Internacia Katolika Misia Kongreso en Würzburg.

26-29 septembro okazos en Würzburg (Germ.) misia kongreso, por kiu jam la plej eminentaj fakuloj el plej diversaj landoj anoncis sian partoprenon. Antaŭe estos Misiologia Semajno sub gvido de la famkonata **profesoro pastro Schmidlin** (Universitato Münster).

### Sociala Semajno en Paris.

La „Semaine Sociale„ nunjare okazonta 23-29 julio en Paris ne estas propraesence internacia, tamen pro ĝia temo kaj ĝiaj parolontoj havas internacian karakteron. La temo estas: „La Leĝo de la Amo, Principo de la Sociala Vivo.". Prezidos **Lia Kardinala Moŝto Dubois**, ĉefepiskopo de Paris. Inter la paroladistoj troviĝas **Msgr. Julien**, episkopo de Arras: kaj **Msgr. Besson**, episkopo de Genève, Lausanne kaj Fribourg. En la granda fina demonstracio parolados la belga senatano **P. Rutten O. P.** pri „La problemo de la klasoj; batalo aŭ kunlaboro?" kaj **Jules Zirnheld**, prezidanto de la Katolika Laborista Asocio (C. F. T. C.) pri „La amo en la profesia vivo".

# Tra la Esperanto-Mondo.

**Por la Universala Kongreso de Esperanto en Antwerpen** jam pli ol 800 kongresanoj aliĝis. El ili pli ol la duono estas anglaj.

**Internacia Konferenco por Turismo kaj Reklamo** okazos sub la aŭspicoj de la Foir-Oficejo de Frankfurt am Main (Germ.) je pasko 1929 en tiu urbo. La konferenco pritraktos urĝajn kaj aktualajn problemojn de l'turismo kaj reklamo. Paroladoj kaj diskutoj povos okazi en ĉiuj naciaj lingvoj kaj en Esperanto, traduko de la paroladoj estos farata nur en Esperanton. Por ebligi al multaj samideanoj profiti el la ĉeesto al tia utila konferenco uzanta Esperanton, la Germana Esperanto-Asocio decidis en sia kongreso en Potsdam, kunvoki sian estontjaran kongreson je sama dato en Frankfurt.

**Kvar universitataj fakultatoj** enmetis Esperanton en sian programon. En Praha, Zagreb, Warszawa ili instruigas la lingvon, en Genève la ŝtato fondis katedron pri ĝia historio en la lingvoscienca fako de la beletristika fakultato.

**La Internacia Labor-Oficejo** de la Ligo de Nacioj de nun regule publikigos en sia Esperanta bulteno (Aldono al „Esperanto", Genève) paĝon pri kooperativaj societoj. Ĝi uzas mem nian lingvon kaj deziras ricevi adresojn de kooperativanoj Esperantistaj en ĉiuj landoj por aranĝi informservon per Esperanto. Ili anoncu sin al Burau Internatonal du Travail, Genève.

**La Itala Labor-Carto**, grava dokumento de la itala sociala politiko, estas eldonita en Esperanto-traduko kaj ricevebla de S-ro A. R. Reni, Via G. Mamelli, 2, Verona, Italujo, kontraŭ sendo de 1 liro itala.

**Ĉe internacia Gazetara Ekspozicio „Pressa"** pro nesufiĉa monhelpo la Esperanto-Kiosko bedaŭrinde ne realiĝis.

**En Budapest** okazis la III-a Kultura Kongreso de Finn-Ugraj Popoloj (hungaroj, finnoj, estonoj ktp.) kun multaj miloj de partoprenantoj. En ĝi oni faris sukcesan Esperanto-propagandon, okazis speciala Esperantista kunsido.

**Estonaj instruistoj** en kongreso en Tartu akceptis deziresprimon por enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

**Sveda Instruista Unuiĝo** kaj Sveda Instruistina Unuiĝo decidis aranĝi somerajn Esperanto-kursojn por la sveda geinstruistaro.

**La sveda socialdemokrata partio** (ĝi estas la plej forta partio en Svedujo, havas preskaŭ la duonon de la parlamenta deputitaro kaj pli ol la trionon de la senato) akceptis unuanime en sia partia kongreso jenan rezolucion: „La kongreso deklaras sian simpation por la interkompreniga laboro de la Esperanto-movado, admonas la membrojn de la partio, lerni Esperanton, uzi ĝin en la internaciaj rilatoj kaj ĉiamaniere apogi kaj vigligi la Esperanto-movadon. La kongreso esprimas la deziron por internacia interkonsento pri la akcepto de Esperanto kiel mondlingvo kaj ĝia instruado en ĉiuj lernejoj de la tuta mondo kaj ke la partio faru por tio klopodojn."

**La direkcio de Stockholma tramvojaro** konsentis, ke la tramistoj Esperanton sciantaj portu la Esperanto-insignon dum la deĵorado.

**En Rumanujo** la libera somera tendaro de la asocio „Amikoj de l' Maro" petis S-ron Morariu, aranĝi Esperanto-kurson por la tendaranoj. La asocio enmetis en sian edukprogramon kiel konstantan punkton: aranĝon de someraj Esperanto-kursoj.

**Bulgarujo.** En Polski Senavec ekzistas stratoj „Esperantska" kaj „Zamenhof".

**Universala kongreso de Artpentristoj, Skulptistoj** ktp. okazas komence de julio en la Monda Palaco de Bruxelles, dum la debatoj estas allasataj ĉiuj naciaj lingvoj kaj Esperanto.

**La internacia Stenografia Kongreso**, kiu okazas nunjare en Budapest, ankaŭ uzas Esperanton, kaj jam kelkaj proponoj kaj paroladoj en Esperanto estas anoncitaj.

**Esperanto en la lernejojn!** „Heroldo" proponas kolekti subskribojn, por postuli de la registaroj la enkondukon de Esperanto en la lernejojn. Kompreneble tia kolektado de subskriboj devas esti grandskale realigata kaj zorge preparata.

# Recenzejo.

**Catholic University of China, Bulletin.** Eld. St. Vincet, Archabbey, Beatty, Pennsylvania, U. S. A., ĝis nun 4 numeroj po 80-paĝaj, ilustritaj.

Ĉiu klera katoliko komprenanta anglan lingvon devus legadi tiujn kajerojn, kiuj estas la plej bonaj atestoj de moderna misia kaj apostola agado. Ili enhavas ne nur ĉiujn novaĵojn pri la Katolika Universitato de Peking gvidata de amerikanaj benediktanoj, sed ankaŭ gravajn originalajn artikolojn, pri ĥinaj kulturo, historio, arto religia historio ktp. La eksteraĵo de la gazeto estas nesuperebla. Ni ankoraŭ pli detale okupiĝos pri la publikigaĵoj de la ĉefabatejo de St. Vincent.

**Fr. W. Foerster und fie wirkliche Welt. Kunmetis Alfred Dedo Müller, eld. Rotapfelverlag Zürich kaj Leipzig.** 282 pĝ., tolbind. 6.50 RM.

„Kuraĝon al kompreno" postulas ĉi tiu libro en kies centro staras la figuro de unu el la plej eminentaj plej amataj kaj plej malamataj viroj de nia tempo. 12 aŭtoroj plej diversaj kunlaboris en la libro, politikistoj, verkistoj, jurnalistoj kaj teologoj, katolikoj kaj protestantoj, montrante la plej urĝajn kulturajn, etikajn, socialajn, pedagogiajn kaj politikajn problemojn de nia tempo, ne turniĝante en nur admiranta personkulto, sed elektante la personon kaj verkaron de Foerster, ĉar en ĝi brulpunktiĝas tiom da spiritaj movadoj de nia epoko. Speciale ni atentigas pri la artikolo de ni amiko Dr. N. Ehlen „Pri la Katolika Eklezio kaj Fr. W. Foerster".

# Staatslexikon

II. Band:
Film bis Kapitalismus
Mit 56 Bildern und Kärtchen.
In Leinwand 35 M.;
in Halbfranz 38 M.



Im Auftrag der Görres-Gesellschaft unter Mitwirkung zahlreicher Fachleute herausgegeben

von HERMANN SACHER

Fünfte, von Grund aus neubearbeitete Auflage
Fünf Bände / Bisher erschienen Band I und II
I. Band in Leinwand 35 M.; in Halbfranz 38 M.

**ÜBER 400 MITARBEITER**

u. a. Adenauer, Eugen Baumgartner, Bell, Bischof Berning, Beyerle, Bopp, Brauer, Brauns, Briefs, Brugger, Dyroff, Ebers, Finke, Anton Heinen, Hirtsiefer, Hoeber, Horion, Hugelmann, Franz Keller, Heinrich Köhler, Kuenzer, Lafaret, Lammers, Graf Lerchenfeld, Linneborn, Marx, Mausbach, Pieper, Platz, Arnold Rademacher, Schellberg, Schetter, Josef Schmitt, Egon Schneider, Schofer, Kardinal Schulte, Schwer, Schweyer, Seipel, Stegerwald, Peter Tischleder, Adolf Weber, Helene Weber.

**Verlag Herder / Freiburg im Breisgau**

# Hotelo Obladen

Köln, St. Agatha 37
Telefono Anno 405

## Domo de pastraj ornatoj

kaj altaraj garnaĵoj

## Joh. Bapt. Düster, Köln

**fond. 1795**

Unter Goldschmied 36 Telef. Rhld. 9004

Malmultekosta livero de diservaj bezonaĵoj.
Tutmonda eksporto.

Oni skribu al K. M.

# Deutsche Zukunft

*EKSTERLANDA KAJ TRANSMARA ELDONA DE LA « KŒLNISCHE VOLKSZEITUNG »*

*Semajna gazeto en agrabla gazetformato enhavanta minimume 28 paĝojn El alta observejo la D. Z. (« Germana Estonteco ») raportas pri ĉiuj politikaj kaj kulturaj problemoj de la nuntempo — En multaj leteroj el ĉiuj landoj, de abonantoj el ĉiuj sociaj klasoj kaj profesioj la eminenta signifo de la D. Z. kiel fidinda informilo por la eksterlandaj germanoj estas konstatata.*

*La ekspedo al eksterlando povas komenciĝi per ĉiu kajero kaj efektiviĝas direkte de la eldonejo al la abonantoj sub banderolo.*

*Abonprezo inkluzive afranko por ekzemplero kaj jaro 12.60 ormarkoj aŭ 3 dolaroj usonaj aŭ samvaloro en alia valuto. Specimenojn sendas la administracio.*

**KŒLN, Neumarkt.** (Germ.)




# Neta prezo 165,-- RM.

Estas ankaŭ liverata kontraŭ monataj partopagoj de 14,— RM.

Specialaj klavaroj por ĉiuj lingvoj.

Teknika majstraĵo.

Ĝis nun pli ol 121000 venditaj.

# Orga A.-G.

**Köln a. Rh.**

Drususgasse 5-7
kontraŭ de la Kolping-monumento
Telefono Anno 6143

Aĉetontoj skribu al K. M.

# Mendu, legu!

| | | |
|---|---|---|
| **Naturscienco, Mondkoncepto, Religio,** de prof. Reinke | 3,— | sv. fr |
| **Katolika preĝlibro** de Carolfi bind. | 2,— | „ |
| **Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj** de Msgro. de Ségur | 2,50 | „ |
| **La Reformanto,** de Carolfi, popola biografio de S. Francisko el Assisi | 2,— | „ |
| **La Origino de la Religio,** de P. Schmidt | 0,80 | „ |
| **Kiel mortis la unuaj kristianoj,** de Kraszewski | 0,50 | „ |
| **Nova Afriko,** de Monnens, S. J. | 0,50 | „ |
| **Universala Reĝeco de Jesuo Kristo,** papa encykliko | 0,50 | „ |
| **Parvuli,** Rakonto de Bessières, S. J. | 0,50 | „ |
| **La Batalo de l' Vivo,** de Charles Dickens, esp. Zamenhof | 1,40 | „ |
| **Kantaro Katolika,** kun muziknotoj, de Chiba | 2,— | „ |
| **Fabiola,** la fama romano pri la Katakomboj de Kardinalo Wisemann, 440-paĝa | 8,— | „ |
| **Fundamento de Esperanto** de Zamenhof, 5-lingva | 1,75 | „ |
| **Fundamenta Krestomatio** de Zamenhof, 600 paĝa | 4,— | „ |

Ĉiuj libroj estas liverataj **afrankite.** Ankaŭ ĉiuj aliaj libroj estas tuj havigataj. Oni mendu pe poŝtĉeko aŭ poŝtmandato.

KATOLIKA MONDO
**Köln-Lindenthal**

# Malfrue alvokitoj

ĝis la 25a jaro, kiuj deziras fariĝi misiopastroj, trovas amplenan akceptadon en la misiodomo „St. Joseph" de la Palotinoj en Konstanz (Germ.). La nova lerneja jaro komenciĝos en septembro 1928.

**P. Rektoro**
**Missionshaus St. Joseph**
**Konstanz**
**am Bodensee**

**Kristo de la Andoj**

**PREZOJ MODERIGITAJ :**
**Poŝtkartoj : 50 kartoj 2 sv. fr.**
**100 kartoj 3.50 sv. fr.**

Oni mendu ĉe
KATOLIKA MONDO,
**Kœln**-Lindenthal. (Germ.)



# Münsterische Morgenpost

(Munstera Matenpoŝto)
Katolika taĝjurnalo

**Sociala, demokrata kaj respublikana Organo**

Aperas ĉiutage - dekdu aldonoj - ĉie disvastigata - efikp ena anoncorgano - Esperanto-angulo - Gazeto por la popolo.

Demando kaj specimenaj ekzempleroj ĉe nia oficejo
**Münsterische Morgenpost**
MÜNSTER. iW. MICHAELISPLATZ ¹/₂